# SOVETIA ESPERANTISTA JUNULARA MOVADO






Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1977/78 №3(47) Novembro

## DEKLARO
## DE SOVETAJ ESPERANTISTOJ

Tuta pacama homaro kun profunda indigno ekscii pri la decido de usona registaro komenci produktadon de la nova armilo de amasa ekstermo de homoj - la neŭtrona bombo. Efektivigado de tiuj krimaj planoj neeviteble provokos la intensigon de vetarmado, starigos obstaklojn sur la vojo de fortikigo de la tutmonda paco, pliigos la danĝeron de malbrido de nova mondmilito.

Esperantistoj, kiuj ŝatas la ideojn de humanismo, kiuj ĉiam luktadis por la paco kaj la amikeco, por interkompreno inter la popoloj, ne povas resti trankvilaj, kiam la nova mortiga danĝero minacas al la homaro.

Ni alvokas la esperantistojn de tuta mondo komenci larĝan kampanjon de protesto kontraŭ la produktado de la neŭtrona bombo. Ĉiu esperantisto diru sian vorton por la defendo de la paco. Niaj voĉoj kunfluiĝu kun la multmiliona voĉo de la tutmonda homaro, kiu diros "Ne!" al la neŭtrona bombo kaj devigos la usonajn militaristojn konsideri la volon de la pacamaj popoloj.

Komisiono pri internaciaj ligoj
de sovetaj esperantistoj

## EN LA JUBILEA JARO

Nur antaŭ 60 jaroj la burĝaj gazetoj kaj ĵurnaloj konkuradis inter si, penante aŭguri la plej precizan daton de nia pereo. Ili kalkulis po tagoj, po semajnoj, malofte po monatoj. Ni vivis. Tagon post tago, semajnon post semajno, monaton post monato ni luktis por nia vivo. Problemo anstataŭis problemon, danĝero sekvis danĝeron. Ni luktis kaj venkis. Ni forpelis la hordojn de la blanka gvardio. Ni likvidis la analfabetecon. Ni neimageble rapide konstruis novajn fabrikojn kaj uzinojn. Ni kreis principe novan ŝtaton, kie potenco apartenas al la laboruloj. Ni kontraŭstaris kaj venkis la epidemion de la bruna pesto. Ni komencis efektivigi la revon de ĉiuj laboruloj sur la Tero - konstrui komunismon.

Ĉiuj niaj atingoj kaj premisoj por la pluaj sukcesoj estas fiksitaj en la nova soveta Konstitucio, aperinta sojle de la 60-jara jubileo de la Granda Oktobro.

Kune kun la artikoloj, kiuj koncernas egale ĉiujn civitanojn de USSR, en la nova Baza Leĝo estas ankaŭ tiuj, kiuj havas apartan signifon por la E-movado en nia lando.

Unuavice temas pri la artikoloj 64 kaj 69, kiuj tekstas pri la devo de ĉiuj sovetianoj plifirmigi la amikecon inter ĉiuj nacioj kaj popoloj de USSR, kontribui al amikeco kaj kunlaboro kun popoloj de aliaj landoj, al konservo kaj plifirmigo de la tutmonda paco. Ĝuste tio estis kaj ĉiam restas la ĉefa celo de la sovetaj E-istoj.

La E-kluboj, agantaj en diversaj respublikoj de nia lando, vig-

le interŝanĝas spertojn kaj planojn de sia soci-utila laboro, regule aranĝas amikajn renkontiĝojn. Kio povas pli efike kontribui al la amikeco ol la komuna laboro kaj personaj kontaktoj!

La sovetaj E-istoj aktive partoprenas ankaŭ porpacan agadon. Pluraj E-kluboj havas intimajn ligojn kun packomitatoj (Leningrado, Donecko, Tjumeno k.a.), efektivigas grandan porpacan laboron (vesperoj de internacia amikeco kaj mitingoj - Rostovo, internacia ekspozicio de kontraŭmilitaj kaj politikaj afiŝoj - Tiĥvino, prelegoj pri la monda pacmovado kaj kontribuoj al la Pacfonduso - Novosibirsko ktp).

Konatiĝo kun pluraj facetoj de kultura vivo de la sovetaj respublikoj okazis por miloj kaj mildekoj da eksterlandanoj nur dank' al Esperanto. Pri tio atestas lavangaj reeĥoj al la aperintaj en la lastaj jaroj estonaj libroj "Kalevipoeg" (popola eposo), "Okupacio" (E.Krusten) k.a., disko "Litovaj kantoj en Esperanto", versaĵoj de Lesja Ukrainka, sovetaj "Paco"-numeroj, gazetoj "Por la paco" ktp.

Ne hazarde ja E-movado ekde la unuaj tagoj de la socialisma ŝtato ĝuis ties aprobon kaj helpon.

La nova Konstitucio estas premiso por plua evoluo de la movado en nia lando. En la artikoloj 20 kaj 51 estas dirite, ke la ŝtato celas ebligi al siaj civitanoj aplikon de iliaj kapabloj kaj talentoj por progresi en ĉiuj sferoj de la kultura, intelekta kaj socia vivoj. La ŝtato subtenas fondiĝon de ĉiuj societoj, kontribuantaj al pliigo de politika aktiveco kaj kontentigo de multflankaj interesoj de la civitanoj.

DO, ENDAS LABORI!

Ĝuste tion faris la Komitato de SEJM, kiu kunsidis en Riga la 29-an - 30-an de oktobro.

Surbaze de la konferencaj decidoj estis pridiskutita kaj akceptita plano de nia laboro por 1977/78. Jen estas kelkaj ĝiaj eroj:

I. S O C I - U T I L A  L A B O R O - la ĉefa direkto por la agadjaro.

1. Entrepreni vicon da aranĝoj lige kun gravaj soci-politikaj eventoj kaj jubileoj (vidu sube).

2. Publikigi en "A" liston de eventualaj soci-utilaj laboroj. (Ĉiuj kluboj kaj aktivuloj estas petataj aldoni siajn sugestojn; sendu ilin al la prezidanto kaj al la estro de Populariga fako.)

II. S c i e n c a  k a j  s t u d e n t a  l a b o r o.

1. Fondi reton de studentaj E-grupoj en USSR.

2. Kontribui al interlingvistikaj esploroj.

3. Helpi al la laboro de la terminologia centro de Scienc-teknika fako.

III. K u l t u r a  a g a d o.

1. Prepari materialojn por prelegoj pri PIF.

2. Diskonigi la plej bonajn E-versaĵojn kaj prozaĵojn, kreitajn de SEJM-anoj.

IV. I n t e r n a c i a  l a b o r o.

1. Ellabori sugestojn por la Semajno de internacia amikeco.

2. Publikigi en "A" resumon de la TEJO-raporto "Tutmonda E-junulara movado".

3. Prepari albumon pri la junulara E-movado en Sovetio okaze de la Kuba festivalo.

V. I n t e r n a  l a b o r o.

1. Lanĉi konkurson pri la plej bona artikolo kaj prelego pri Esperanto.

2. Kolekti materialojn pri la 90-jara jubileo de Esperanto.

3. Kompili kalendaron de E-renkontiĝoj en Sovetio, helpi al ilia efektivigo.

4. Establi tutlandan reton de korespondaj kursoj.

La Komitato dediĉis apartan atenton al la 60-jara jubileo de la Granda Oktobro kaj al la proksimiĝanta jubileo de Komsomolo. Omaĝe al tiuj datoj la Komitato rekomendas al ĉiu SEJM-klubo:

I. Okazigi solenajn kunvenojn dediĉitajn al la jubileoj.

II. Sendi al siaj eksterlandaj E-amikoj materialojn pri la:

1) glora vojo de Komsomolo;

2) XVIII-a Kongreso de VLKSM, okazonta en aprilo 1978;

3) atingoj de nia lando dum la 60-jara ekzistado.

III. Renkontiĝi kun delegitoj de la XVIII-a VLKSM-Kongreso.

IV. Diskonigi al eksterlandaj E-amikoj la enhavon kaj signifon de la nova Konstitucio. Dissendi ĝian E-tradukon. (Ĉiujn ĉi-specajn leterojn bonvolu sendi - kopie aŭ originale - al la prezidanto de SEJM por ĝeneraligo kaj eventuala uzo por artikoloj.)

V. Kolekti gratulojn kaj leterojn de eksterlandaj E-istoj kaj E-kluboj, dediĉitajn al la gloraj jubileoj. Surbaze de ili kompili artikolojn por lokaj pres-organoj.

(La eroj II-3), IV, V estas konsilataj ankaŭ al la SEJM-subtenantoj.)

SUKCESOJN AL VI!

A.Melnikov, prezidanto de SEJM.

* * *

La Komitato de SEJM traktis la demandon pri eksiĝo de la SEJM-klubo de Poltava. Estas decidite la eksiĝon konfirmi - kun atentigo, ke tio ne liberigas la Poltavan E-klubon de la posttendaraj devoj (Regularo de SEJT, ĉapitro VII).

## KLUBKUNVENOJ - ĈIUSEMAJNA FESTO DE KLUBANOJ!

Dum la lastaj regionaj renkontiĝoj "Ora Folio" kaj "Neĝfloketo" estis levita la demando pri tio, kiel plivigligi la kluban laboron. Oni konkludis, ke necesas turni apartan atenton al la programo de kunvenoj. Unue, ili estu interesaj. Kaj interesaj por ĉiuj ili povos esti nur tiam, kiam la programon partoprenas ĉiuj. Estraro de la klubo ellaboru por kvarmonata periodo provizoran temaron de kunvenoj: ekzemple, laŭvice ĉiu fako de la klubo respondecu pri la organizo de kunveno. Ĝenerale la vespero estu diverstema. En ĉi tiu artikolo estas proponata ekzemplo de 2-hora klubkunvena programo.

1. Esperanto-ekspreso - 10 min.

La E-ekspreson preparu ĉiufoje alia klubano. Ĉitie temu pri la plej freŝaj E-novaĵoj, oni eluzu la lastajn numerojn de "Kurte" kaj E-revuoj, dimanĉan elsendon de Pola Radio. Tre interese estos, se vi laŭtlegos ankaŭ leterojn, kiuj venis al la klubo.

2. Rerakonto de interesaj artikoloj el E-preso - 15 min.

Oni prezentu kaj pridiskutu la plej interesajn novaĵajn artikolojn el "Aktuale" aŭ iu E-revuo.

3. Ĉefa prelego - 30 min.

La ĉefan prelegon oni ne rekomendas organizi dekomence, ĉar ĝenerale al la klubkunvenoj ne ĉiuj povas veni ĝustatempe, kaj la malfruantoj povus malhelpi al la prelego. La temoj estu tre variaj: pri E-movado, pri historio, pri eminentaj homoj; estu prelegoj dediĉitaj al rimarkendaj datoj, ekzemple al la Oktobra Revolucio, Zamenhof-tago, Tago de Venko, kluba naskiĝtago aŭ aliaj. Se la ĉefa prelego estas dediĉita al iu verkisto, la preleganto anticipe disdividu fragmentojn el lia verkaro inter la klubanoj: ties prezento plivigligos la prelegon.

4. Lingva anguleto - 15 min.

Al la klubkunvenoj ni venas ne nur por distro: ili ja estas nia

lingva praktikejo, nia E-lernejo. Do, nepre la plej spertaj klubanoj devas kelkminute prezenti ian lingvan demandon. Oni rekomendus uzi la verkon de Julio Baghy "Gramatika demandaro resuma". Se vi dum la agadjaro sukcesos pritrakti ĉiujn 50 demandojn (nur po unu aŭ du dum kunveno), viaj klubanoj havos veran sukceson en perfektiga ekzameno. Ĉi tiun tempon oni dediĉu ankaŭ por instrui al la klubanoj la manierojn de popularigo de Internacia Lingvo.

5. E-poezio - 10 min.
Ĉi tiun parton oni dediĉu al la plej freŝaj poeziaj verkoj, kiuj aperas en nia gazetaro. Por komencantoj estas vere bona eblo praktiki la lingvon, parkerigante versaĵojn.

6. Diversaĵoj - 30 min.
Post la oficiala parto nun aranĝu instruadon de kantoj, montru lumbildojn, gratulu la klubanojn, kies naskiĝtago estis dum la lasta semajno. Solvu organizajn demandojn pri la kluba agado kaj pri la sekva kunveno.

7. Humura anguleto - 10 min.
Por ĉi tiu parto taŭgas ĉio, kio estas sprita kaj gaja: anekdotoj, skeĉoj, gajaj versaĵoj, diverstemaj kvizoj. Same kiel dum la poezia [redacted] parto, per tio oni paralele preparas programerojn por E-renkontiĝoj. Estas propono, ke humura parto estu la lasta, ke post ĝi ĉiuj kun bona humoro disiru, malpacience atendante la sekvan kunvenon.

Se viaj klubkunvenoj estas viglaj kaj interesaj, prosperos ankaŭ E-laboro ĝenerale en via urbo!

Estus dezirinde, ke oni reeĥu al la artikolo kaj rakontu pri sia sperto en organizo de klubaj vesperoj.

A.Medinŝ (Riga).

GVIDI NECESAS LERNI
(materialo por pripenso ne nur al novaj gvidantoj)

La rolo de gvidado en E-movado ne estas supertaksebla. Kiomfoje ni observis: kritiku, mallaŭdu, riproĉu - tutegale E-klubo vegetas. Sed jen - venas homo organizkapabla, sinofera, iniciatema, kaj ĉio ŝanĝiĝas. Organiza, gvida laboro en E-movado estas sufiĉe temporaba kaj neefika. Multaj gvidantoj laboras blinde, sensisteme, sen imago pri elementaj scioj de gvidado. Ĉu eblas sukcese gvidi laŭ intuo?

Gvidarton ni akiradas dum gvidado, samkiel oni lernas naĝadon naĝante. Naĝistoj, tamen, estas en pli bona stato ol E-gvidantoj: ilin instruas trejnistoj, dum ni lernas mem, per niaj eraroj, disperdante la homojn.

Instruado de gvidantoj (nunaj kaj estontaj) ne estas nur esperantista problemo; ĝi estas problemo tutlanda. Por eviti miliardajn perdojn pro neoptimuma organizado, oni jam komencis instruadon de supera gvidantaro en ministerioj, pretigon de rezervo por nunaj gvidantoj ktp. SEJM ne devas resti flanke de la problemo: necesas ekstudi arton de planado, pedagogikon, fundamentojn de psikologio, por ke ankaŭ niaj agadjaroj iĝu jaroj de efikeco. Mi proponus, ke SEJM-Komitato dediĉu unu el la proksimaj SEJToj (aŭ Konferencon) al progresigo de la gvidado sur ĉiuj niveloj.

KOMENCU NI DE LA KLUBOJ

Gvidado aperas ĉie, kie oni kolektive laboras. Tiu, kiu antaŭvidas la laboron, distribuas la taskojn kaj kontrolas ties plenumon - tiu estas gvidanto. Ne malofte oni kontentiĝe planas (kabineta laboro), sed lamas ĉe la distribuo kaj kontrolo.

La plej grava gvidnivelo en nunaj kondiĉoj estas la klubgvidado.

Kiommombran anaron povas gvidi unu homo? Ne pli ol 6 - 10 -persoman, se la gvidanto estas sola. La praktiko montris, ke se la gvidanto havas tro multe da gvidatoj, aperas kandidatoj por forfalo (pro nesufiĉa atento al ili). La forfalado kutime daŭras ĝis tiam, kiam en la kolektivo restas tiom da homoj, al kiom la gvidanto povas dediĉi necesan atenton. Mi ne traktas la klubojn, kiuj ekzistas nur per kunvena prelegado: parolas 2 - 3 konstantaj lektoroj, la ceteraj dek aŭ tridek aŭskultas - tio ja estas ne kolektivo, sed aŭskultantaro de lekciejo.

Konkludo jenas: por sukcese gvidi la klubon, se ĝi estas pli ol 7-persona, necesas ĝin grupigi. Tiel elstaras du ŝtupoj de gvidantoj: la prezidanto kaj grupestroj (minimume 2). Ĝuste tiuj konsistigu la kluban estraron. La estraro ne estas modo aŭ tradicio, tial kriterio por elekti al ĝi estu ne tiom la lingva nivelo de certa persono, kiom ties kapabloj gvidi (kaj kompetenti pri la afero, se temas pri faka grupo). Laŭ mi, la plej laboriva grupo estas kvinpersona (kun la gvidanto mem).

PLANADO, aŭ - la taskoj devas esti realaj

Verŝajne ne necesas pruvadi, ke planita laboro estas pli efika ol la spontana. Kiun ajn laboron necesas komenci de planado, t.e. pripensi kaj antaŭvidi, kion, kiel kaj kiam necesos fari. Nature, antaŭvidi necesas nur tiujn laborojn, kiujn bezonas la kolektivo. La celo de la planado estas - atingi, ke la laboro plenumiĝu sisteme, nenio estu forgesita kaj la ĉefaj taskoj ne dronu inter la bagatelaj, en ĉiutageco.

Dum la planado oni konsideras gravecon de la taskoj, la disponatajn rimedojn kaj tempon. Antaŭ ĉio, komence, indas fari skizon de perspektiva plano (por duonjaro, jaro, kelkaj jaroj - depende de laboramplekso), t.e. programon de atingotaj rezultoj (celoj). Post tio necesas antaŭvidi problemojn, kiuj povas elstari ĉe efektivigo de la plano, vicigi ilin laŭ graveco kaj provi antaŭvidi la solvovojojn (kion necesas plenumi por atingi la planatan rezulton). Nur post tio indas labori super detala plano. La analizado helpos elimini nebezonatan laboron per forigo de eble belaj, sed neatingeblaj celoj. La starigataj taskoj ja devas respondi al la fortoj de plenumantoj, fortoj de la klubo, aliokaze ĉe la membraro aperos malfido je propraj fortoj ( ni plurfoje spertis, kiel ambiciaj planoj kondukis klubojn al vegetado).

Tekste la plano aspektu tiel: 1. tasko, 2. templimo por plenumo, 3. plenumanto (respondeculo), 4. noto pri kontrolo de plenumo.

Permesu do resumi:

1. El grupo de problemoj distingu la ĉefajn.

2. Vicigu ĉiujn laborojn, laŭeble preterlasante neniun el tiuj, kiuj devas plenumiĝi por ke la celo estu atingita.

3. Difinu kaj notu templimojn por apartaj taskoj.

4. Notu plenumantojn (perspektivajn, se realaj ankoraŭ ne estas sciataj).

DISTRIBUADO DE TASKOJ, aŭ - ne diru "hop" antaŭ la salto

Eĉ la plej genia plano nenion valoras, se oni ne scipovas distribui la taskojn inter la plenumontoj por ke la plano komencu realiĝi. Ju pli sperta estas la gvidanto, des pli bone ĝi scipovas distribui la laboron. Ne ĉiu gvidanto estas same forta en ĉiuj ŝtupoj de la gvidado (planado, distribuado, kontrolado), iam estas senco peti helpon de sia kolego aŭ subulo ĉe la distribuo de taskoj. Estas bone, kiam la kolektivanoj mem partoprenas la distribuon de laboro. Vere, multon de tio ne necesas esperi, ĉar al demando "Kiu konsentas (deziras) plenumi jenan taskon?" ofte respondas komuna silento. Tiam la demandon tuj sekvu propono: "Eble vi, k-do A., aŭ

k-dino B., pri tio okupiĝu?! Plej ofte post tio oni konsentas. Unu regulon necesus obei: neniam insistu, ke taskon plenumu ĝia iniciatinto, proponu ĝin al iu alia! Ja la "tradicio", ke plenumu ĉiam tiu, kiu elpensas laboron, kondukas al subpremo de propongenerado.

Ĉe la disdono de taskoj necesas klarigi la problemon, ĝian lokon en la tuta sistemo de niaj celoj: subulo pli volonte plenumas taskon, se konvinkiĝos, ke ĝin necesas plenumi. Utilas substrekadi: "tio, kion vi plenumas, estas tre grava". Cetere, la tasko devas esti motivita: senmotiveco en disdivido de laboro ("pro kio al mi?") malentuziasmigas, kaj oni ne deziras plenumi "alies" laboron.

Ĉe la distribuado de taskoj necesas atenti kvalifikajn kapablojn de la subuloj, ilian psikologian kaj socian strukturon. Ĉiam utilas scii, kio en la nuna tempo (kaj ĝenerale) interesas la homon, kio maltrankviligas - eblas ne tro rekte proponi la laboron (komence priparoli tion, kio interesas, kio doloras la homon, kaj nur poste pri la tasko). Cetere, ne estas bone, kiam la gvidanto (sen peto de la subulo) komencas detale klarigi, kiel necesas agi por plenumi la taskon: tio starigas la subulon en la rolon de senanima mekanismo. Gravas ja rezulto - kion atingi. La plenumanto do mem antaŭvidu la vojon kiel atingi la rezulton (ne gravas, se ĝi estos ne tute perfekta: alian fojon la plenumanto estos jam pli sperta).

KONTROLO

Estas io komuna inter vivaj estaĵoj kaj organizaĵoj. Ĉiuj ili havas celon vivi. Ĉe ĉiuj eblas distingi "gvidanton" kaj "plenumanton".




La gvidanton kaj la plenumanton interligas du cirkvitoj - la gvida (ordonoj) kaj la kontrola (raportoj). Se iu el la cirkvitoj ne funkcias, la sistemo pereas: la vivestaĵo mortas, la klubo ruiniĝas.

La kontrolado estas necesa por scii, kiel efektiviĝas la plano. Ĝia tasko estas noti la staton, erarojn, por ke ili ne ripetiĝu. Kutime oni ne ŝatas esti kontrolataj, sed plenan foreston de kontrolo oni post iom komencas trakti tiel: "mia laboro ne estas tre bezonata, pri ĝi neniu interesiĝas".

Kontrolado estas do bezonata. La gvidanto devas ĉiam postuli: se la tasko pro gravaj kaŭzoj ne povas esti plenumita, oni ĝustatempe sciigu pri tio. Tio estas bezonata, ĉar eblos rapide trovi eliron: a) transdoni la taskon al alia plenumanto; b) prokrasti la templimon; c) limigi amplekson de la atendata rezulto; ĉ) rezigni pri plenumo de la tasko kaj modifi aliajn interligitajn taskojn. Reagi pro neplenumita tasko necesas - almenaŭ esprimi bedaŭron kaj konvinkon, ke la fakto mem estas postsekvo de hazardaj cirkonstancoj kaj la plenumanto klopodis fari ĉion eblan.

Se en via klubo oni ofte ne plenumas alprenitajn sindevigojn, taskojn - tio signifas, ke en ĝi estas malbona disciplino, regas malalta morala atmosfero.

Kaj fine. Ne sufiĉas fride noti la plenumon de la tasko. Necesas trovi vortojn de danko aŭ laŭdo pro la plenumita laboro - tio helpos por estonto.

(daŭrigota)

V.Ŝilas (Vilnius).

---

KOREKTO: en "A"-2(46), p.24, 4-a linio de malsupre - anstataŭ "Girŝ L. (Omsk)" legu "Girŝ M. (Barnaul)".

## ESPERANTO-KLUBO EN SAMARKAND

Ĉe la gorkomo de komsomolo fondiĝis Samarkanda E-klubo de internacia amikeco. La 1-an de oktobro en la gorkomo okazis la unua kunveno de samarkandaj esperantistoj. Inter la 26 ĉeestintoj estis la dua sekretariino de la gorkomo de komsomolo Kelamova L.Z., kandidato de medicinaj sciencoj Lemjelev V.R. kaj malnova esperantisto Iodko V.K. Studentoj de la Universitato J.Petroŝeviĉ kaj A.Ionesov prelegis pri la temo "Esperanto en la servo de paco kaj socia progreso". Funkciis ankaŭ E-ekspozicio.

Nuntempe la E-agado en Samarkand sukcesas. Jam aperis prie esperanta artikolo en regiona taĝĵurnalo kaj la granda bela murgazeto "Esperantujo-77". en la rusa lingvo. Multaj studas Esperanton pere de la koresponda kurso de Zaporoĵje. Por faciligi nian pluan E-agadon bonvolu subteni nin per salutleteroj, konsiloj ktp. La adreso: 703000 Samarkand, ul.Sovetskaja 53, Ionesov A.I. (por la E-klubo).

A.Ionesov, prezidanto de Samarkanda E-klubo.

## MNEMONIKAĴOJ POR KOMENCANTOJ

Adverba finaĵo -E:

| Ruslingvaj adverboj | E-lingvaj adverboj |
|---|---|
| vĉernE | malnetE |
| vtajnE | sekretE |
| vozlE | apudE |
| krajnE | ekstremE |

(prononcu sen moligo de la lasta konsonanto)

Substantiva finaĵo -O:

| Ruslingvaj substantivoj | E-lingvaj substantivoj |
|---|---|
| senO | fojnO |
| maslO | buterO |
| salO | sebO |

Adjektiva finaĵo -A:

| Ruslingvaj adjektivoj (kurtaj) | E-lingvaj adjektivoj |
|---|---|
| krasivA | belA |
| sĉastlivA | feliĉA |
| serjoznA | seriozA |

Kompilis A.Natinj (Petropavlovsk-Kamĉatskij).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

### LA REDAKCIO RICEVIS

- la informilon "Lumo verda" №6(19). En la numero: eldiroj de famuloj pri Esperanto, laŭjara kroniko "B.G.Kolker - 20 jaroj de esperantisteco", konstanta rubriko "La klubanoj prezentas sin", informoj pri abonado de E-revuoj kaj mendeblaj libroj, belartaĵoj k.a.
- resumon de 2-a Internacia Esperanto-Laborbrigado en Hungario. Ĝi daŭris 25 tagojn (de 10.7. ĝis 3.8.77.), el ili 16 labortagoj po 6 laborhoroj. Oni fosis kanalon kaj aranĝis kurejon ĉirkaŭ futbala kampo. Partoprenis 64 personoj, el ili 34 virinoj, el Bulgario, Pollando, Hungario, Jugoslavio, Danlando. Krom la laboro mem, la programo inkluzivis lingvajn kursojn diversgradajn, ekspozicion de hungaraj E-libroj, ekskursvizitojn al lokaj vidindaĵoj, prelegon pri Hungario, distrajn vesperojn ktp., funkciis E-butiko. Ĉiuj brigadanoj ricevis diplomojn pri partopreno en la brigado, diversajn memoraĵojn. Estonte la organizantoj akceptos nur tiujn, kiuj aliĝis ĝustatempe.

MENDU E-EMBLEMOJN!

E-emblemoj estas bonega propagandilo por Esperanto kaj bela ornamaĵo por ĉiu esperantisto kaj esperantistino! Jen listo de emblemoj, kiujn al vi proponas Krasnojarska E-klubo:

1. Surmanikaj kudremblemoj kun submetaĵoj, ĉirkaŭkudritaj:

a) Kvinangula emblemo, kvarkolora: flava, blanka, verda, ruĝa. Teksto: "Esperanto", desegno: du flagoj - de Sovetunio kaj la Esperanta. Prezo - 1 rub.

b) Ovala emblemo, trikolora: verda, ruĝa, helruĝa. Teksto: "USSR, Esperanto", desegno: surfone de Sovetunio - radianta verda stelo. Prezo - 1 rub.

c) Ronda emblemo, dukolora: verda kaj flava. Teksto: "Esperanto en Sovetunio", desegno: verda stelo. Prezo - 70 kop.

ĉ) Rektangula emblemo, trikolora: verda, ruĝa, helruĝa. Teksto: "Esperanto-SEJM", desegno: stelo en verda ovalo. Prezo - 70 kop.

d) Ronda emblemo, trikolora: ruĝa, verda, helblua. Teksto: "Miass-77, OrSEJT-19", desegno: surfone de la terglobo sidas Li kaj Ŝi, kuntenante la verdan stelon. Prezo - 1 rub.

e) Duonovala emblemo, kvarkolora: verda, blanka, ruĝa, nigra. Teksto: "Krasnojarsk, OSER-27, Esperanto", desegno: ursido legas E-lernolibron. Prezo - 1 rub.

f) Ovala emblemo, dukolora: flava kaj verda. Teksto: "Esperanto, jupi-ja-ja, jupi-jupi-ja!", desegno: en verda koro - du vizaĝsiluetoj - Li kaj Ŝi, sub ili - la verda stelo. Prezo - 1 rub.

2. E-flageto unuflanka, kvinangula, kvarkolora: verda, malhelverda, ruĝa, blanka. Teksto: "Esperanto, Tiĥvin-76, SEJT", desegno: surfone de la terglobo man-en-mane staras kvaropo de geamikoj, krome - verdaj steletoj kaj aliaj ornamaĵoj. Prezo - 70 kop.

La kvalito de la emblemoj estas tre bona!

La mendojn (ne malpli ol por 5 rub.) sendu laŭ la adreso: Krasnojarsk 660075, ab. jaŝĉik 2420, Sapoĵnikov Vladimir Sergejeviĉ.

ALIĜU AL INTERNACIA HOBIA KLUBO

En la anglalingva bulteno por hobiuloj kaj korespondemuloj "JH all hobbies" ("JH ĉiuj hobioj") N-35/77 aperis artikolo de A. Mikk pri Esperanto kun letermodelo "Halo, kolektanto!" (Esperante kun angla traduko). Ĉar la redakcio favore rilatas al Esperanto, estus rekomendinde al geesperantistoj konantaj anglan, francan aŭ germanan lingvon, aliĝi al la hobia klubo "JH all hobbies" kaj propagandi Esperanton al siaj novaj korespondantoj, kies adresoj el tre multaj landoj estas troveblaj en la bulteno. Oni povas sendi al tiu bulteno ankaŭ artikolojn en la menciitaj lingvoj pri E-movado, novaĵojn kaj interesajn faktojn pri Esperanto, propran anoncon pri korespondeziro kaj kolektado en formo de letermodelo (Esperante kun angla aŭ franca traduko).

La adreso de la hobia klubo: Belgio, B-1712 ITTERBEEK, 1 Nachtegaallaan, Post Vlezenbeek, s-ro J.Herrijgers. En la aliĝletero nepre aldonu, ke Vin rekomendas la klubano N-57.682, UEA-delegito A.Mikk (SU-202900, Estonio, Viljandi, str. Jakobsoni 3 - 2).

POR SCIENCA LABORO

mi petas (PRUNTE) esperantologian kaj interlingvistikan literaturon (librojn, revuojn, broŝurojn, artikolojn, manuskriptojn ktp), kie enestas tradukaĵoj de prozaj rusaj tekstoj en Esperanton. La poŝtelspezojn mi pripagos, ĉion nepre resendos; miaflanke mi pretas disponigi la havatajn E-aĵojn samkondiĉe. Sciigu perletere, kion vi havas kaj kion bezonas por tralego (trastudo).

A.Melnikov (344007 Rostov-Don, a/ja 393).

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 19.11.77.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al 121019 Moskvo d/v Aroloviĉu V.S.